# PENSEO

N-ro 252

okt. / 2012

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 23-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### morta rivero

akvon sieĝas etaĝdomoj.
la koloro miksa de sapo kaj lakto
densas inter arboj.
sur tiuj branĉoj kalvaj kaj jam ĉiam senfoliaj
pendas junaj mamoj kaj vizaĝoj
en la formo de gravuro arta.
ilin viroj sekigas en la suno memfarita
por satiĝi dum la granda aĝo.
infanoj devigas esperistojn
paroli en la usona lingvo:
"i is teachairs."
do mi instruas miajn bebojn
ke ili ne ludu kun la cicoj de la panjoj.
ekster mia atento, flavbekuloj ekmordas
miajn piedojn kiel fiŝoj homomanĝaj.
kun tranĉiloj en la poŝoj mi volegas
mortigi ilin sur la likva strato.
okuloj sangoĵetaj mian kapon trapenetras.
mi ne povas ne libele fuĝi
en la domojn senfenestrajn
por kune kun la policanoj
masturbi la trunkojn for de tero.
la spirito falinta ĝemadas
atendante ke la atombomboj
de unu naŭ kvar kvin revenu savi nin.
la fina venko pulsas tra la ĉerko
drivanta sur la morta rivero fermita.



## Petro Palivoda (Ukrainio)

### La domo senmuras...

Eniru, vagulo,
forĵetu sakon
kaj ĉetabliĝu.
Mirinda pretendo
al konstruistoj:
kreu domojn senmurajn.

### sur limo

inter vivo
kaj morto
ni estas duope
mi
kaj mia koro

### Muziko

Solviĝos en muzik' esenco mia,
per ondo kolizias kun etero,
leviĝas super falso, super vero
kaj perdas originon materian.

Foriĝos por eterne homaj limoj,
al mi etendas manojn milionoj.
Fluadas mi – jen bono, jen malbono,
venen', balzam' inspiras la animojn...

...Vizi' degelis, estas mi en ordo,
la samaj kavaj vangoj, sekaj lipoj...
Violonisto arĉas jam ne kordojn,
sed miajn ripojn.

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### LA NOKTOBUŜO MANĜAS LA MONDON

*"E a boca do noite se abria para comer o mundo."*
*"Kaj la buŝo de la nokto malfermiĝis por manĝi la mondon."*
*José Lins do Rego*
*En la libro "Cangaceiros" (Kangasistoj)*

Pro nervomalforteco, mensmallarĝo,
La Nokto, kadukanta tiuhore,
Ekperdis vivkomprenon, intan saĝon;
Elmontris lipajn tremojn buŝmuskole.

Multloke kaj multoble, la bestsovaĝon
De l' hom' akrigis nokta kolerego.
Grandiĝis, super ĉio, dent-arkaĵo;
Mortfalis korpopart'. De malsek' al seko

Alkuris la rivero sangŝprucanta.
Sunnaskiĝ', jen matenkrepusk' sen kolero.
Riveroflu' vaporiĝis al ĉielo.

Sur tiu sangcementa past' malsankta,
Kreskaĵ' elkreskis malforta, sed malmola.
Ĉu kompar' belaspekta? Ĉu metafora?



## Mori (Usono)



### NI KULPAS

Ho amiko,
ni kulpas, ni kulpas
pri suferoj de homaro
ni kulpas
pri mizeroj de najbaroj
ni kulpas
pri la maljustaj militoj
ni kulpas
pri ekspluato de homoj
ni kulpas
pri murdoj de sendefenduloj
ni kulpas
pri la teroro de teroristoj
ni kulpas
pri fifaroj de politikistoj
ni kulpas
pri mensogoj de ĵurnaloj
ni kulpas
pi la ekzisto de atombomboj
ni kulpas

*

Ni kulpas
ĉar ni malhome
indiferentas
ni kulpas
ĉar ni idiote
silentas!

## Leieladonna (Meksikio)



### Tiel estas la amo

La koloro de la pasio...
bela floro
adekvata por tuŝi
tre interne...
por turmenti ĝuste tien
tre profunde...

tre interne...
estas tiel bela...
sed ĉu vi scias ?
ĝi havas dornojn
kaj kiam ĝi estas donata al ni
kelkaj fojoj unue
ĝi estas purigara kaj donata al ni
tiel multe da amo...
kaj...
kun ĝi,
ankaŭ,
povas doni nin la vivo (povas esti
donata al ni la vivo)
se por precizigi, ĉar...
tiel estas la amo
" preskaŭ perfekta "...
sed kun dornoj...
tiel ke vi ricevas la floron,
same vi prenas sia pureco
kaj la ne tiel perfekta de la koro,
de kiu donas ĝin al vi...
tiu ĉi estas:
nur iu penso,
iu reflekto...
de kio estas iu floro,
kaj kio estas la amo...

## Ĝamadio (Germanujo)

# Al la pinto de la monto

Sur monto, ne povanta
esti plue pliigita,
grimpadas kaj ne haltas,
kun fervoro difinita,
la aro da estaĵoj
bestaj, plantaj kaj eĉ homaj
strebante per fiaĵoj
al la celoj nur plej gnomaj.

La akvo senbarile
plialtiĝas ĉe la monto,
dronigas ĝi facile
ĉiujn estojn en estonto.

Ĝi same kun fervoro
grimpas kiel la vivantoj,
kaj preskaŭ antaŭ l' gloro
multaj mortas konkurantoj.

Ĉu io poste estos?
ĉu la fino estis pinto?
Se io nun plu restos,
ĉu ĝi ĝojos pro l' estinto?
La pinto de la monto
estus solvo de l' mistero;
ĝi same estas fonto
kaj eĉ kaŭzo de l' mizero.

Al fino kiu venas?
Kiu venkos post ĉi tio?
Ĉu iu nun divenas,
kial supren grimpis ĉio?



## Anna Karlik (Hungarujo)



# Nur demandoj pri la amo

Unue tutkora estas la amo,
poste sekvas neglektado...
Ĉu vere amo estus la tia?
Komence senfina—fine nenia...

Kia amo estas tia?

Ĉu vere eblas amon gradi,
por pliigo ion agi?
Iom aŭ ege ami?
Ĉu sukcesas amon gardi?

Por malploro kion fari?

Ĉu povas esti amo tia:
grandega aŭ apenaŭa?

Mezurilo? - Superflua!
Via amo estas kia?

Homa amo ĉu eblas Dia?

Homa amo estas kia?
Ĉu povas esti ĝi daŭra?
Sentempa amo ĉu estas Dia?
El homaj amoj ĉu ekzistas tia?
Homamo ĉu estas Dia?
Vera amo estas kia?
Kies amo estas tia?
Se finiĝus amo via,
nia amo reciproka:

homa amo estus fia!

Mia amo estas kia?
Certe mi mem estas fia!
Mi konfirmas tamen:
mi amas vin. Amen.
* * *
GLOSOJ:
Ne temas pri amorado,
Ja kien estus la moralo,
se funkcias hormonaro?

Amo al monaro,
ero de oraro,
estas jam eraro,

aro da omaro
raras en la maro

Sankta sento estas amo,
fia estas nur homaro.
En la vivo estas fia,
ke vi ne estas la mia.



## Lenke Szász (Rumanujo)



### AŬTUNO

Ora kaj ruĝa, flamis la arbaro
En tiu fora, tre fora aŭtuno—
Ora kaj ruĝa ankaŭ nun ĝi estas
Nur en la kor' la flamo estingiĝas.



## Stanislaw Rynduch (Germanujo)



### NOVA IDO

Ĉe komenco de naskiĝo,
komenciĝas la mortiĝo.
Kruda estas realeco
de natura sia speco.

Feliĉiĝas juna paro
pri la bebo en la ĉaro.
Estas plenaj de espero,
ne pensante pri la vero.

La veninta familiano,
salutas la civitanon.
Prijuĝas ĝin la anaro,
kvazaŭ estus sur bazaro;

"Bela, forta, patrsimila,
belstatura kaj subtila..."
La aŭguristin' aŭguras,
estontecon tuj prokuras.

Bone, ke ĝi ne konscia
pri kruela mondo nia.
Kiam kreskos ĝi rimarkos,
kiel homoj homojn ŝarkos.

Kiel bela estus mondo,
se ne estus tiu ondo;
nur akiro kaj avido.
tre kompata via ido.

Ĉe komenco la espero,
baldaŭ ĝia malapero,
tamen kresku en prospero,
nova ido en libero.

Eĉ la plej belaj donacoj,
ne forigos la minacojn
de la homdetrua mondo,
kiu fluas kiel ondo.

*Falkenstein, septembre 2012*



## Miric Jadranka (Serbio)



### Amikeco

Mi ne vivas ĉi-tie,
en la alia urbo   mi estas,
pli oriente.
Vi sude   aŭ norde.
amikeco restas en mia koro
tiktakante arde.

Ni vortojn skribas ,
la vortoj fariĝas   versoj.
Komputile   interŝanĝas   pensoj .
Oni amikecan reton trikas

Ni ne vivas en la sama urbo ,
nek respubliko nek lando.
Amikeca etoso en Serbio
tuŝas vin en Finnlando,
ĉies letero bonvenas
kiu belan emocion prenas.
Kie troviĝas tiu landujo?
Ĉu nova nova reĝtrono
staranta ĉiam al nia dispono?
Retumu amiko, en Esperantujo,
lando kun libera malfermita pordo.
Konsentite! En ordo!



## Cezar (Germanujo)



### Mi

Foje supre, foje sube,
ŝvebas mia sprit' en blu'.
Ĉu balone aŭ ĉe-rube,
min ne kaptas la enu'.

Tra la park' mi iras lante
pro la nuboj en ĉiel'.
En kvieto kaj verkante,
gvidas min plezura cel'.

En la tagoj, en nokthoroj
pensas mi pri la belec',
pri scienco kaj memoroj,
pri magia eternec'.

Tamen vivas mi surtere,
foje trafas min sufer'.
Sed mi strebas plu sincere
kaj al amo kaj al ver'.

Kun estim' kaj malestimo
vivas mi en nia mond',
dum labor' sen iluzioj,
kvazaŭ kiel mare ond'.

Min vivtenas ina ĉarmo,
kaj mi miras plu kaj plu
en brakum' aŭ kisosvarmo,
pli kaj pli nun eĉ sen bru'.

Vivojaroj laŭ folioj
falas for de vi kaj mi.
Mi ne pensas plu pri dioj,
mankas foje sentebri'.

Se mi iam devos morti,
jen kun kis' de vi, edzin'.
Se mi devos eksenvorti,
tenu nur permane min.

En la tomb' mi petos pacon,
birdokantojn eĉ por ni,
por babiloj erinacon,
sed vizitojn ja de vi.

Steloj supre kiel oro
brilu hele sen instru' .
Kaj mi sube kaj el koro
dormu bone sen enu'.

**AŬTUNE**

Komuna feriado por infanoj, familioj, geavoj.

Kursoj, koncertoj, muzikado, mantro, promenado, ludoj, kaj aliaj aktivaĵoj laŭ via elekto.

Specialaj gastoj : Svetlana Smetanina el Moskvo kaj Kees Ruig el Nederlando.

de sabato, 27-a de oktobro ĝis sabato, 3-a de novembro 2012,

en la fama kastelo Greziljono, franca Kulturdomo de Esperanto.

Detalaj informoj en reto: www.gresillon.org/autune

Kontakto: kastelo@gresillon.org, tel. 0033-2.41.89.10.34

Adreso: Maison Culturelle de l'Espéranto, Grésillon, F-49150 St. Martin d'Arcé

## Dolĉaj misterioj de la vivo

Mia vivo kiu ŝajnas glata mar’
Kiom da sekretoj konservas en mi
Longkaŝitaj en l' animo kvazaŭ rar’
Sen doni montron eĉ de eto de si

Ĉiam en mi estas kun milda parol’
Voĉ’ al kiu mi kliniĝas kun fervor'
Mia koro ĉar ĝin ŝirmis kun bonvol’
Finiĝis kiel rozarbar’ en flor'

Al neniu riveliĝu ĉi sekret'
Am’ restu en silent’ por ĉiam for

*elportugaligis*



**Ŭel (Brazilo)**



**Howie Good**



## Nokto

Fenestro
tiel kota, ke
oni ne povas
travidi ĝin.

*elangligis*



**Benjameno KRAŬS (Usono)**



# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



# Aŭtuna kanto

(Ciklo)

—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo*

I. Aŭtunaj folioj

ili tremas ŝpin-torde
ŝvebas senorde
supren aŭ malsupren
faladas malforte

ĉie flave
ĉie kalve
jen enkorte
jen surstrate ili
ekkuŝas laŭsorte

II. Aŭtuna vento

ĝi balaas susure
bruske plezure
ĉion en la mondo
senkompate dure

iom fride
iom pike
ĝi ja nure
ŝajne volas blovi
for putraĵojn pure

III. Aŭtuna pluvo

tamburas pluvtorento
sur la tegmento
alportas malvarmon
al fervora sento

pluva akvo
ŝvabras forte
kun kontento
ĉion en naturo
en ĉiu momento

IV. Aŭtuna pejzaĝo

prezentiĝas pejzaĝo
jen en vilaĝo
nuanca de ĉarmo
flava de miraĝo

ĝuste kiel
homa vivo
ĉe mezaĝo
l' ekscita panoram'
'as bela omaĝo

**Chaozhongcuo (Pedanta klerulo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respktive de 7,5,66 / 444,66 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xxa,xa (x=senrima).*

# Serĉi spadon

ĉina fablo

—laŭ ĉinesko Litingyan*

Dum boat-vojaĝo,
homo pro malatent'
faligis sian spadon
akven ekster atend',
tuj sur boatvand'
faris markon sen pent'.

La boato haltis
ĉe alborda moment'.
Li saltis en riveron
por serĉi sen prudent'.
La fino certis:
li ploris kun lament'.



**Litingyan (Hirundo ĉe kiosko): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 6 versoj de 66, 76, 56 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*

## Yanke (Ĉinujo)

### La falanta folio

—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo*

La falanta folio
per venta strio
drivadas sencele
kun rezignacio.

Ĉu al valo
aŭ al rojo
ĝi sen scio
migras kun susuro
kvazaŭ en ebrio.



## Sero (Ĉinujo)

### Akvofalo

—laŭ ĉinesko Busuanzi*

Kurten' arĝenta
pendas ĉe la val'
en sunlumo radias
blindige per pal'.

Aŭdiĝas bruo
jen de jovial'.
Ne homa voĉo sonas
sed akvo en fal'.

**Busuanzi (Aŭguristo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 55,75 silaboj kun duona rimo.*

### Mi amas la insulon

—laŭ ĉinesko Wanghaichao*

Ĉe horizont'
ŝi elstaras
impone sur la mar'
kontraŭ vento
kontraŭ ondoj.
Super ĝi meva ar'
rondflugas sen bar',
fiŝistaj ŝipoj
sur akva klar'
tange flosas
aŭ haltas ĉe ankra star'.

La insulon kun ard'
mi vere amas
pro ŝia kar'
al mia kor'.
La terpeco
valoras multe, ĉar
longe sen erar'
ĝi apartenas
tra sankt-deklar'
al la patri'
spite al fremda barbar'.

18-09-2012



**Wanghaichao (Rigardo al martajdo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 446, 446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa, xxa,a,xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x = senrima)*

## Yanke (Ĉinujo)

### Tajfuno alvenas

—laŭ ĉinesko Caisangzi*

Jen tajfuno alvenas

kun granda fort'
trans la marbord'
pelas ĉion al malord'.

Uragano kaj hulo
kun svinga tord'
kvazaŭ en hord'
puŝas al mizera sort'.



**Caisangzi (Moruskolektanta knabino): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 74,4,7 silaboj, laŭ rimaranĝo de xa, a,a. (x=senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



# LA TRAVIVAĴOJ DE JUNULINO

Jes, la memoraĵo de tiu vespero neniam pereos. Mi havis, dum unu duonhoro, la sinistran senton de nevenkebla fatalo; mi spertis tiun tremeton, kiun ni sentas kiam ni malsupreniras en ŝakton. Mi tuŝis tiun nigran fundon de la homa mizero; mi komprenis la neeblecon de honesta vivo por iuj.

Estis post noktomeze. Mi iris de la teatro Vaudeville [***Vodevilo***] al la strato Drouot [***Druo***], sekvante rapidpaŝe la bulvardon, kie kuris pluvombreloj. Akvopolvo flirtis plivole ol ĝi falis, vualante la gasbekojn, malgajigante la straton. La trotuaro lumis, glueca pli ol malseka. La urĝataj geuloj nenion rigardis.

La ĉiesulinoj, kun la jupo kuspita, montris siajn krurojn, lasante duonvidi blankan ŝtrumpon ĉe la hela brileto de la nokta lumo, ili atendis en la ombro de la pordoj, alvokis, aŭ rapide preterpasis, maltimemaj, ĵetante al vi ĉe la orelo kelkajn stultajn kaj obskurajn vortojn. Ili sekvis dum momenteto la viron, alpremiĝante al li, blovante al lia vizaĝo sian putran elspiradon; poste, konstatante siajn vanajn instigadojn, ili lasis lin per abrupta kaj malkontenta movo, kaj ili ekremarŝis svingante la koksojn.

Mi iris plu, alvokata de ĉiuj, ekkaptata per la maniko, incitadata kaj boliĝanta pro abomeno. Subite, mi ekvidis tri knabinojn, kiuj kuris kiel terurigataj, ĵetante al la aliaj kelkajn rapidajn parolojn. Kaj la aliaj ekkuris, forfuĝis, tenante plenmane siajn robojn por pli rapidi. Tiun tagon okazis polica operacio en la medio de la prostituado.

Kaj subite, mi sentis brakon sub la mia, dum konfuzega voĉo flustris ĉe mia orelo: "Savu mi, sinjoro, savu mi, ne forlasu min."

Mi rigardis la ĉiesulinon. Ŝi ne havis dudek jarojn, kvankam ŝi estis jam velkinta. Mi diris al ŝi: "Restu kun mi." Ŝi murmuris: "Ho! dankon."

Ni alvenis al la linio de la urbopolicanoj. Ĝi malfermiĝis por lasi pasi nin.

Kaj ni penetris en la straton Drouot.

Mia kompanulino demandis al mi:

− Ĉu ci venas hejmen?

− Ne.

− Kial ne? Ci faris al mi grandan servon, kiun mi ne forgesos.

Por min liberigi de ŝi, mi respondis:

− Ĉar mi estas edziĝanta.

− Kion, tio faras?

− Nu, mia infano, tio sufiĉas. Mi eltiris vin el kaĉo. Nun lasu min trankvila.

La strato estis senhoma kaj nigra, vere sinistra. Kaj tiu virino, kiu premis al mi la brakon, ankoraŭ pli malbeligis tiun senton de malgajeco, kiu invadis min. Ŝi volis kisi min.

Mi retroiris pro hororo, kaj per dura voĉo, diris:

− Fine, ĉu vi tuj lasu min?

Ŝi faris specon de rabia movo, kaj poste, neatendite, abrupte ekplorĝemis. Mi restis konfuzegata, kortuŝata, ne komprenante:

− Nu, diru, kion vi havas?

Ŝi murmuris en siaj larmoj:

− Se vi scius, ho! tio ne estas gaja.

− Kio do?

− Tiu vivo.

− Kial, vi elektis ĝin?

− Ĉu pri tio mi kulpas?

− Tiam, kiu kulpas?

− Ĉu mi scias?

Speco de intereso ekkaptis min pri tiu senhelpulino. Mi demandis al ŝi:

− Diru al mi vian historion.

Ŝi rakontis ĝin al mi:

− Mi havis dek ses jarojn, mi servis ĉe S-ro Larablo, grajnovendisto en Yvetot [***Iv'to***]. Miaj gepatroj estis mortintaj. Mi havis neniun; mi ja rimarkis, ke mia mastro rigardis al mi per stranga maniero, kaj li tiklis miajn vangojn; sed mi ne min demandis plimulte. Mi sciis la aferojn, certe. Ĉe la kamparo, ni estas elturniĝemaj; sed S-ro Larablo estis maljuna devotulo, kiu ĉiudimanĉe iris al la meso. Neniam mi kredus, ke li kapablus pri tio, fine!

Jen, iun tagon, li volas perforte preni min en la kuirejo. Mi rezistas al li. Li foriras.

Antaŭ la grajnovendejo estis spicvendisto, S-ro Dutano, kiu havis ja plaĉan magazenknabon; tiel, ke mi lasis min flatallogi de li. Tio okazas al ĉiuj, ĉu ne? Do, ĉiuvespere, mi lasis mian pordon malfermitan, kaj li venis retrovi min.

Sed iun nokton S-ro Larablo aŭdis bruon. Li supreniris, kaj li trovis Antonon, kiun li volis mortigi. Tio okazis batalo per seĝobatoj, akvopotoj, per ĉio. Mi ekkaptis miajn vestaĉojn, kaj mi forkuris tra la strato. Jen kiel mi foriris.

Mi timis, mi timegis. Mi vestis min sub pordo. Poste mi antaŭen ekmarŝis tute rekte. Mi nepre kredis, ke iu estis murdita, kaj jam la ĝendarmoj serĉis min. Mi atingis la grandan vojon de Rueno. Mi diris al mi, ke en Rueno mi povos tre bone kaŝi min.

Tiom estis mallume, ke oni ne vidis la fosaĵojn, kaj mi aŭdis hundojn, kiuj bojis en la farmbienoj. Ĉu ni scias ĉion, kion ni aŭdas nokte? Birdojn, kiuj blekas kiel homoj, al kiuj oni tranĉus la gorĝon, bestojn kiuj plorbojas, bestojn kiuj fajfas, kaj tiom da aferoj, kiujn ni ne komprenas. Pro tio, mi havis anseran haŭton. Okaze de ĉiu bruo, mi faris krucosignon. Ni tute ne imagas kiom, tio agitas la koron. Kiam tagiĝis, jen ke la ideo pri la ĝendarmoj denove ekkaptis min, kaj mi ekkuris. Poste mi kvietiĝis.

Tamen, malgraŭ mia konfuzo, mi ekmalsatis; sed nenion mi posedis, eĉ ne unu soldon, mi forgesis mian monon, ĉion, kio apartenis al mi sur tiu tero, dek ok frankojn.

Do mi marŝis kun la ventro, kiu kantis. Estis varme. La suno pikis. Tagmezon pasis. Ĉiam mi iris.

Subite, mi aŭdis ĉevalojn malantaŭ mi. Mi turnis min posten. La ĝendarmoj! Mia reago estis fulma; mi kredis ke mi tuj falos; sed mi sukcesis min reteni. Ili atingis min. Ili rigardis min. Estis unu, la pli maljuna, kiu diris al mi:

− Saluton, fraŭlino.

− Saluton, sinjoro.

− Kien vi iras tiamaniere?

− Mi iras al Rueno, por esti en servado ĉe iu, ofico kiun oni proponis al mi.

− Kiel do, ĉu piede?

− Jes, tiamaniere.

Mia koro pulsis tiom, sinjoro, ke mi preskaŭ ne povis plu paroli. Mi diris al mi: "Ili tenas min." Kaj mi sentis bezonon forkuri, kiu svingiĝis en miaj gamboj. Sed ili tuj reatingus min, vi komprenas.

La maljunulo reparolis:

− Ni tuj kunvojiros kune ĝis Barentin, fraŭlino, konsiderante ke ni sekvas la saman itineron.

− Kun plezuro, sinjoro.

Kaj ni interbabilis. Mi faris min plaĉa tiom, kiom mi povis, ĉu ne? sed tiel bone, ke ili kredis aferojn, kiuj ne estis. Nu, dum ni trapasis arbareton, la maljunulo diris:

− Ĉu vi volas, fraŭlino, ke ni iru fari ripozon sur la muskon?

Ne pripensante, mi respondis:

− Laŭ via deziro, sinjoro.

Poste li malrajdis, kaj donis sian ĉevalon al la alia, kaj ambaŭ ni iris en la arbareton.

Mi ne plu povis malkonsenti. Kion vi farus se vi estus en mia loko? Li faris kun mi, kion li volas; poste li diris al mi: "Nepras, ke vi ne forgesu la kamaradon." Kaj li iris teni la ĉevalojn, dum la alia rekuniĝis kun mi. Mi estis tiom honta, ke mi estus plorinta, sinjoro. Sed mi ne kuraĝis malcedi, vi komprenas.

Do ni reforiris. Mi ne plu parolis. Mia koro tro funebris. Kaj mi ne plu povis marŝi tiom mi malsatis. Tamen, en vilaĝo, ili donacis al mi glason da vino, kiu refortigis min por kelka tempo. Poste ili trotigis siajn ĉevalojn, por ke ili ne trapasu tra Barentin kun mi. Tiam mi sidiĝis en fosaĵon, kaj mi ploris ĉiujn miajn larmojn.

Mi marŝadis ankoraŭ dum pli da tri horoj, antaŭ ke mi atingu Ruenon. Estis la sepa vespere, kiam mi alvenis. En la komenco, ĉiuj tiuj lumoj blindumis min. Kaj poste mi tute ne sciis, kie mi povis sidiĝi. Sur la vojoj, estas fosaĵoj kaj herbo, sur kiu ni povas eĉ kuŝiĝi por dormi. Sed en la urboj, nenio.

Mi estis mortlacega, kaj mi havis kapturnon, kiu kredigis al mi, ke mi tuj falos. Kaj poste, ekpluvis, etguta pluvo, same kiel ĉivespere, kiu trasorbigas vin, diskrete, sen ke tio ŝajnas. Mi ne estas bonŝanca la pluvtagojn. Do mi komencis piediri en la stratoj. Mi rigardis ĉiujn tiujn domojn, dirante al mi: "Estas tiom litoj, kaj tiom da pano en ĉiuj tiuj loĝejoj, kaj mi ne povas eĉ trovi sole kruston kaj pajlomatracon." Mi trapasis stratojn, kie estis virinoj, kiuj alvokis la pasantajn virojn. En tiuj cirkonstancoj, sinjoro, ni faras tion, kion ni povas. Kiel ili, mi ekinvitis la virojn. Sed ili tute ne respondis al mi. Mi estus volinta esti mortinta. Tio ja daŭrigis ĝis ĉirkaŭ noktomezo. Mi ne plu sciis eĉ tion, kion mi faris. Fine, jen viro, kiu aŭskultis min. Li demandis al mi: "Kie vi loĝas?" Kiam ni estas en la bezono, ni fariĝas rapide ruza. Mi respondis: "Mi ne povas forkonduki vin hejmen, pro ke mi loĝas kun panjo. Sed ĉu ne ekzistas domoj, kien ni povas iri?"

Li respondis: "Ne estos morgaŭ, kiam mi elspezos dudek soldojn por unu dormoĉambro."

Poste li pripensis kaj aldiris:

− "Venu kun mi. Mi konas trankvilan lokon, kie ni tute ne estos interrompitaj."

Li transpasigis al mi ponton, kaj poste li forkondukis min ĉe la ekstremo de la urbo, en herbejon, apud la rivero. Mi ne povis plu sekvi lin.

Li sidigis min, kaj poste li ekparolis pri kio ni estis venintaj. Sed ĉar li estis longa koncerne sian aferon, mi trovis min tiom lacega, ke mi ekdormis.

Li foriris donante nenion al mi. Mi ne rimarkis eĉ tion. Pluvis, kiel mi diris al vi. Estas de post tiu tago, ke mi sentas dolorojn, kiujn mi neniam povis kuraci, pro ke mi dormis dum la tuta nokto en la koto.

Mi estis vekita de du urbopolicanoj, kiuj forkondukis min al la policejo, kaj de tie al la malliberejo, kie mi restadis unu semajnon, dum oni serĉis, kiun mi povas esti, kaj de kie mi venis. Mi tute ne volis diri tion, pro timo de la konsekvencoj.

Tamen oni sciis tion, kaj oni liberigis min post senkulpeca juĝo.

Necesis rekomenci trovi panon. Mi klopodis por havi oficon, sed mi ne sukcesis, pro la malliberejo de kie mi eliris.

Tiam mi memoris pri maljuna juĝisto, kiu okulumis al mi, dum li juĝis min, kiel la ulĉjo Larablo de Yvetot. Kaj mi iris trovi lin. Mi tute ne eraris. Kiam mi forlasis lin, li donis al mi cent soldojn, dirante al mi: "Ĉiufoje vi havos la saman sumon; sed ne venu pli ofte ol dufoje ĉiusemajne."

Konsiderante lian aĝon, mi bone komprenis tion. Sed tio primeditis min. Mi diris al mi: "La junuloj, ili petolas, ili amuziĝas; sed neniam ili multe pagas, dum la maljunuloj estas alia afero." Kaj nun, la maljunaj simiuloj, kun ilia oblikva rigardo, kaj ilia malgranda kapa ŝajnigo.

"Ĉu vi scias tion, kion mi faris, sinjoro?" Mi vestiĝis kiel hejmamulino, kiu revenas de la merkato, kaj mi promenadis tra la stratoj serĉante miajn nutrantojn. Ho! mi kaptis ilin ĉe la unua fojo. Mi diris al mi: "Jen ankoraŭ unu, kiu ekkaptas la hokon."

Li alproksimiĝis. Li komencis:

− Saluton, fraŭlino.

− Saluton, sinjoro.

− Kien vi iras tiamaniere?

− Mi revenas en la domon de miaj gemastroj.

− Ĉu ili loĝas malproksime, viaj gemastroj?

− Iele, tiele.

Tiam li ne plu sciis kion diri. Mi malrapidigis la paŝon, por lasi lin komprenigi sin.

Tiam li prononcis, tute mallaŭte, kelkajn komplimentojn, kaj poste li demandis al mi, ke mi venu en lian hejmon. Kompreneble, unue mi malbone akceptis, kaj poste mi cedis. Ĉiumatene, tiamaniere mi sukcesis kapti du aŭ tri maljunulojn, kaj havi libertempon dum ĉiuj posttagmezoj. Tio estis la bona tempo de mia vivo. Mi ne malkvietiĝis.

Sed jen. Neniam ni longtempe estas trankvilaj. La malfeliĉo volis, ke mi faris la konon de ega monplenulo de la alta societo. Iu eksprezidanto, kiu ja havis sepdek kvin jarojn.

Iun vesperon, li forkondukis min vespermanĝi al restoracio en la ĉirkaŭaĵo. Kaj poste, vi komprenas, li ne sciis moderi sin. Li mortis dum la deserto.

Oni kondamnis min je tri monatoj de malliberejo, pro ke mi ne estis registrita ĉe la polico.

Post tio mi venis al Parizo.

Ho! tie, sinjoro, la vivo estas malfacilega. Mi ne manĝas ĉiutage, oj! Ni estas tro multaj. Fine, estas domaĝe, sed al ĉiu sia peno, ĉu ne?

Ŝi silentis. Mi marŝis flanke al ŝi, kun la koro premata. Subite, ŝi denove ekcidiris al mi:

− Tiam, ĉu ci ne supreniros hejmen, mia karulo?

− Ne, tion mi jam diris al vi.

− Nu! ĝis revido, tamen dankon, pardoneme! Sed mi certigas al ci, ke ci malpravas.

Kaj ŝi foriris, enprofundiĝante en la etgutan pluvon kiel vualon. Mi vidis ŝin pasi sub gasbeko, poste malaperi en la ombron. Kompatinda knabino!

*La 25an de septembro 1883*

*elfrancigis*

**Noël Lacomte (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto, Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊